


# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 7 N-ro 2 (25) junio de 2008


NOVAĴO

**Ĝemeliĝis du Esperanto-organizaĵoj**

La regiono Bretonio en Francio kaj la provinco Shandong en Ĉinio havas oficialan ĝemelan rilaton. Rennes, ĉefurbo de la regiono kaj Jinan, ĉefurbo de la provinco, estas ĝemelaj urboj. La 10-an de aprilo 2008, la du prezidantoj de Bretona Esperanto-Federacio kaj Shandong Esperanto-Asocio kune subskribis ĉarton pri ĝemeliĝo de la du organizaĵoj redaktitan en la kvar lingvoj Esperanto, ĉina, franca kaj bretona. La subskriban ceremonion ĉeestis reprezantantino de la urbodomo Rennes. Detale legu sekvan raporton de s-ino Josette DUCLOYER.

Alie s-ino Josette Ducloyer menciis, ke oficiale la ĉefurbo de Bretonio, Rennes, estas ĝemelita kun la ĉefurbo de Shandong, Jinan, kaj la du esperanto-asocioj projektas rilati, ke ankaŭ la bretona urbo Quimper estu oficiale ĝemelita kun Yantai, kaj jam la esperanto asocio de Quimper rilatas kun tiu de Yantai. N-ro 6 Informilo de Ĉina Esperanto-Ligo, 2008, aperigis la prian raporton de prof. LIU Xiaojun per tutpaĝo.

**Vizito al ĝemela urbo**

Invitite de la 60-a Esperanto-kongreso de IFEF kaj la Esperanto-klubo de Lodzo, filio de Pola Esperanto-Asocio, s-ro HAN Zuwu, prezidanto de Tianjin Esperanto-Asocio （TEA） kaj vic-prezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, vizitis Pollandon inter la 15-a majo kaj la 2-a de junio, kaj post la kongreso estis varme akceptita dum restado en Lodzo, ĝemelurbo de Tianjin. Tie ambaŭ flankoj kunsidis pri la intimaj rilatoj inter la du ĝemelaj urboj, kaj serioze diskutis pri estonta plano de kunlaboro kaj interfluo inter ambaŭ Esperanto-organizaĵoj. Detale vidu prian artikolon de s-ro Han Zuwu.

**Partneriĝis du urboj kun ĉeesto de esperantistoj**

La 8-an de junio, 2008, d-ro Lutz TRUEMPER, urbestro de Magdeburg en Germanio, kaj s-ro Andrzej KOSZTOWNIAK, prezidanto de la urbo Radom en Pollando, oficiale subskribis la partneran kontrakton inter la du urboj, en kiu estas kunlaboroj pri lernejoj, junnulara kaj sporta organizaĵoj, kulturo ktp. S-ro Gerhard HIRSCHMANN kiel reprezentanto de esperantistoj el Magdeburg kaj s-ro Antoni DORASZ el Radom, estro de la 100-jara Esperantoklubo de Radom, ĉeestis la solenan ceremonion. S-ro Hirschmann vizitis Radom pro aliĝo al vojaĝogrupo kiu akompanis la urbestron.

Krome la 6-an de junio okazis afabla renkontiĝo en la Esperantoklubo de Radom. En bon-etosa rondo ambaŭ flankoj interŝanĝis opiniojn, kaj s-ro Hirschmann raportis pri projektoj en Afriko kun bildprezentado kaj pri Mondcivitana agadoj: www.geocities.com/esperanto_awc --- laŭ raportoj de Gerhard Hirschmann

**Decido de EST al ĝemela urbo**

Esperanto-Societo en Takatsuki (EST) gastigos la 57-an Kongreson de Esperantistoj en Kansajo de Japanio okazotan en junio 2009 kaj faris decidon: inviti du esperantistojn el la ĉina ĝemelurbo Changzhou de Takatsuki al la kongreso. Ekde la 21-a de junio 2008 jam eklaboras organiza komitato por la kongreso, konsistanta el estraranoj de EST kaj reprezentantoj de najbarurbaj grupoj kaj Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj. (laŭ raportoj de TAGAHARA Kiyoshi kaj NAKATU Masanori)

[**komentario**] Mi unue esprimas koran gratulon al la Bretona Esperanto-Federacio kaj Shandong Esperanto-Asocio, kaj al la du urboj Magdeburg kaj Radom, kaj alte taksas signifan viziton de s-ro HAN Zuwu kaj konsideron de EST. Tiuj aktivecoj grandege riĉigas enhavon de ĝemelaj urboj kaj vive kaj efike montras rolon kaj valoron de Esperanto en la agado de ĝemelaj urboj.

Frue en februaro s-ino Josette DUCLOYER konsultis min je modelo de la kontrakto por ĝemeliĝo, tamen mi donis kelkajn proponojn (legu sube), kvankam mi ne havas tian sukcesan modelon en manoj. En aprilo s-ro Gerhard HIRSCHMANN informis la komisiiton pri junia vojaĝo al Radom kaj subskribo de la partnerkontrakto. Mi klare memoras, ke la ricevita libro *Kroniko de La Esperanto-movado en Tianjin* (1915-2000) menciis viziton de tri samideanoj el TEA al Lodzo en 1998 por tiea 90-jara Esperanto-movado. Tio signifas, ke ĉi-jaro estas la 100-jara jubileo de la movado en Lodzo. Ĉi tie li kore gratulas al esperantistoj kaj la Esperanto-klubo de Lodzo, kaj bondeziras al ili grandan sukceson en la dua 100- jaro. Takatsuki kaj Changzhou oficiale ĝemeliĝis en 1987, sed unu jaron antaŭ tio la du lokaj Esperanto-organizaĵoj jam havis kontakton inter si. En la pasinta jaro mi kiel komisiito kaj unu el estraranoj de Liaoning-provinca Esperanto–Asocio estis varme invititaj kaj akceptitaj de EST kaj siaj membroj post la 92-a UK en Jokohamo. Mi revuas tiujn ĉi aferojn por ke mi diru al vi: Vi per agado forte subtenas la projekton "Ĝemelaj Urboj". Vi per elstaraj laboroj praktikas valoron de Esperanto. Mi pensas, kion ili donas al ni estas ne sole ĝojo kaj ĝuo de sukceso, sed ankaŭ sugesto kaj inspiro: kiel ni agas? Sed estas tre klare, ke nia laboro havos pligrandan progreson se lokaj Esperanto-organizaĵoj aktive agus kiel ili. Sukceso venas el diligenteco. Mi racie kredas, ke plimulte naskiĝos tiaj ekzemploj sub diligenta laborado kaj senĉesa penado. — la komisiito

**Proponoj al verko pri la kontrakto de ĝemeliĝo**

(Respondo al sinjorino Josette Ducloyer)

1. **Gvid-ideo:** kialo, celo ktp.

2. **Ĝemeliĝita objekto:** organizaĵo je sama nivelo, ekz. provinco al provinco, urbo al urbo, cele komunan evoluon.

3. **Procedo**
3-1 Elmeti intencon pri ĝemeliĝo
3-2 Raporto de demonstrado
En tiu raporto estas detale priskribita interŝanĝo de ambaŭ flankoj, propono pri ĝemeliĝo (kiam, kie?), praktikebleco kaj neceseco por starigi tian rilaton inter ambaŭ flankoj, aprobo de ambaŭ lokaj aŭtoritatoj, ktp.
3-3 Diskuto pri kontrakto
Ĉi tie ambaŭ E-organizaĵoj ekzamene diskutas pri enhavo de la kontrakto, ekzemple estraroj de du organizaĵoj kunvenas por tio kaj prezentas protokolon de kunveno
3-4 Konfirmo de la kontrakto
La kontrakto devas esti prezentita al lokaj aŭtoritatoj kaj konfirmita.
3-5 Subskribo de la kontrakto
Du organizaĵoj rajtigas iun (prezidanton aŭ aliajn estraranojn) subskribi la kontrakton.
3-6 dosiero
La kontraktoj subskribitaj devas esti fotokopiitaj kaj metitaj en arkivojn de la koncernaj departementoj de aŭtoritatoj.

4. **Aliaj**
4-1 Post ĝemeliĝo de du organizaĵoj regule interŝanĝi informojn pri E-movado
4-2 Ambaŭ flankoj reciproke faras viziton laŭplane.
4-3 Ambaŭ flankoj aktive akcelu diversajn interŝanĝojn per tiu rilato.

**Reagoj al la projekto kaj sia revueto**

1. Joao Claudio T. NSOKO en Angola: Kara Samideano, mi volas ricevi vian bultenon aŭ revuon bedaŭrinde vi ne kutime skribas al mi, krome nia lando tro bezonas la ĝemeladon kun via urbo kaj la japana kaj aliaj ni bone babilos laŭ via afabla respondo
2. Karine ARAKELJAN, ĉefdirektorino de Kultur-Kleriga Centro "Espero" en Armenio: Estimata s-ro Wu Guojiang, mi elkore dankas pro la mesaĝo kaj sendita revuo.
3. Jennifer BISHOP en Aŭstralio: Estimata s-ro Guojiang, Dankon pro via mesaĝo. Certe plaĉus al mi ricevi vian raporton ĉar Aŭstralia Esperanto Asocio nun planas projekton inter Aŭstraliaj urboj kaj siaj ĝemelurboj por helpi la varbadon de interesiĝontoj en nia lando.
4. Jean CODJO en Benino: Saluton, mi deziras informiĝi, ĉu la projekto pri ĝemelado ankoraŭ funkcias. Ĉu vi povas disponigi pliajn informojn?
5. José DIAS PINTO en Brazilo: Mi gratulas vin por via laboro kaj dankas por la ĝisnuna kaj estonta sendo de viaj bultenoj.
6. Lin Hsin-Hua el Tajvano en Ĉinio: Kara Guojang: Jes, mi recivis n-ron 1 [20]. Multan dankon! Tamen mia esperanto nivelo estas ne tre progresema, mi bezonas tempon legi kaj kompreni vian bonan novaĵon.
7. Xiong Linping en Ĉinio: Kara Guojiang, saluton! Koran dankon pro via multfoja sendo de Informilo de Ĝemelaj Urboj. El ĝi mi informiĝis multe kaj vidis, ke vi bone kaj kapable laboras por amikeco inter multaj urboj. Tio evidente estas grava kaj signifoplena por Esperanta populariĝo. Mi gratulas al vi.
8. Lin LEMING en Ĉinio: Kara s-ro Wu Guojiang, mi jam ricevis kun plezuro n-ron 22 kaj n-ron 23 Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj konservis ilin en mia komputilo.Dankon.
9. Yang Haichun en Ĉinio: Kara Guojiang, Saluton! Dankon al vi, viaj materialoj de Esperanto plaĉas al mi, kaj mi esperas, ke de nun mi povu ricevi la informojn el aliaj flankoj.
10. Robert LELEU en Francio: Guglante vian mesaĝon (plusendita de Germain PIRLOT kaj Liberté-Fderlangue) mi trovis hejmpaĝon http://www.internacia-gazeto.com/articoli-2008/art_08_004_wu_igu23.htm, kiu estus, laŭ mia kreo, la informilo priskribita en ĉi tiu mesaĝo. Ĉar mi nove anigis la lokan ĝemelan anglan estraron en mia franca urbeto, mi ŝatus ricevi viajn informilojn. Ankaŭ se vi konas iun francanglan ĝemelaĵon, kiu uzas esperanton, tiu estus ekzemplo, kiun mi prezentus al mia loka estraro...Dankon
11. Elizabet BARBAY, Prezidantino de Bondy-Esperanto en Francio: Mi havis vian retadreson de Germain PIRLOT. Interesus nin kunlabori en ĝemeligo de nia urbo (Bondy, apud Parizo), kun alilandaj urboj. Ĝis nun, malgraŭ kunlabor-proponoj al nia urbestraro, por rilati kun la jam ĝemelitaj urboj, ni neniel sukcesis enŝovi Esperanton en tiujn aferojn. Mi supozas ke via gazeto povus helpi al ni en tiaj klopodoj. Mi anticipe dankas al vi pro sendado de via informilo.
12. Michel BASSO, dumviva membro de UEA en Francio: Estimata samideano, mi legas regule viajn artikolojn

pri ĝemelaj urboj. Dankon pro via laboro por esperanto. Mi nun faras projekton por esperanto kaj ekologio. Mi serĉas tradukanton de esperanto al ĉina lingvo por mia projekto. Rigardu ĉe: http://plantu-arbon.org
13. Sonja AMARIGLIO en Francio: Estimata samideano, mi ege gratulas vin pro via grava agado. Mi bedaŭrinde ne plu zorgas pri ĝemelaj aferoj. Bonvolu ne plu sendi al mi vian bultenon. Alia samideanino al kiu mi plusendis viajn tekstojn interesiĝas pri rilatoj (inter aliaj) kun afrikanoj. Vi rekte sendu al ŝi la sekvantan bultenon. Bonan kuraĝon.
14. Daniel DURAND, Prezidanto de Registrolibro de la Mondcivitanoj en Francio: Saluton, mi reagas al la demando de Philippe CHAVIGNON: "Ĉu la ĝemeliĝo devas esti registrita en iu internacia instanco?" Mi informas ke estas ebleco registri ĝemelurbajn kontraktojn kaj multajn aliajn aferojn ĉe la jura registroservo de Kongreso de la Popoloj. Vidu: http://www.recim.org/civil/
15. Roland SCHNELL en Germanio: Dankon pro la raporto. Mi metis parton de la teksto en la koncernan artikolon die Vikipedio http://eo.wikipedia.org/wiki/Gherla#Historio Eble estas pli utile organizi la ĝemelurbadon per ĉi tiu rimedo kaj kolekti informojn kaj raportojn. Plej ofte la ĝemelurbaj kontaktoj jam estas menciitaj en la koncerna urbo. Aldonigendas la raportaj kaj spertoj.
16. Werner PFENNIG en Germanio: Saluton, kara, estimata Wu, kun ĝojo kaj danko mi ricevis viajn informilojn, kiujn vi tre zorgeme redaktis. Estas vere interesaj informoj kaj valoraj konsiloj pri la internacia laborado de ĝemelaj urboj.
17. S-ro Gerhard HIRSCHMANN en Germanio: Jam de longe mi ricevas viajn informojn, mi estimas vian laboron, koran dankon por tio.
18. Kambiz GHADIRI en Irano: Kara samideano, mi deziras ricevi vian gazeton pri ĝemelurbo. Antaŭdankon.
19. Serio BOSCHIN en Italio: Estimata amiko! Dankon pro viaj informoj pri ĝemelaj urboj, mi legis vian revueton. Fartu bone kaj sukceson al Esperanto.
20. NAKATU Masanori en Japanio: Kara Guojiang, hieraŭ mi havis tempon legi la du informilojn. Mi dankas vin pro via mencio pri via gastiĝo ĉe mia familio.
21. CHHIM Sokha en Kamboĝo: Estimata Samideano, Mi ricevis vian informon. Dankon por via informo. Nun mi restas ĉe la urbo Ho Chi Min, Poste mi iros al Kamboĝo. Mi skribos al vi.
22. Boris-Antoine LEGAULT en Kanado: Saluton! Laŭ mia kompreno, vi estas responsulo de projekto ĝemelaj urboj. Mi malfacile trovas malnovajn numerojn de revueto ĝemelaj urboj. Ĉu estas retejo kiu enhavas ilin? Mi volas proponi al vi gastigi ĉiujn numerojn ĉe la jena retejo: http://www.gazetejo.org Mi mem prizorgas la retejon, kaj opinias ke viaj raportoj riĉigus ĝin.
23. Barba MAVOMO MAFUILA en Kongo (Dem. Resp.): Estimata sinjoro WU, saluton, via projekto estas unu el la plej interesaj vidpunkte de praktiko vera de la Internacia Lingvo.

Mi estas en Kinshaso, ĉefurbo de Demokratia Kongo, kaj tutkore dezirus instigi nian urbestron al ĝemeligo de nia urbo kun alikontinenta urbo. Pere de nia Radio Esperanto ni jam komencis elsendi tiucelajn mesaĝojn al interesitoj. Sed mi devas konfesi ke mi ne havas sufiĉe da informoj pri la kielo de tia ago. Mi esperas trovi lumon ĉe vi pri la afero.
24. Antoine Kouassi KOUABLAN, prezidanto de Kotdivuara Esperanto-Asocio en Kotdivuaro: Saluton, altestimata samideano Wu, Nome de nia landa asocio mi kore dankas vin pro via inda kaj giganta laboro favore al la disvastigo de esperanto.

Fakte via agado alportos multon se multaj urboj tra la mondo ĝemeliĝas per esperanto, tiel homoj el tiuj urboj multon scios pri esperanto. Alie mi konsilas ke estonte vi petu de ĉiuj scivolemaj esperantistoj ke ili proponu kelkajn urbojn kiuj volas ĝemeliĝi kun aliaj urboj. Do kun tiu ĉi listo oni povas pli facile reklami ĉe la landaj urbdomoj por ke la interesontaj urboj ekhavu kontaktojn inter si. Mi deziras ĉion bonan al vi kaj grandajn sukcesojn al via inda agado.
25. Amparado CISNERO ROVIRA en Kubo: Dankon pro la sendado de via revueto al mi. Ĝi estas interesa por mi ĉar mi per ĝi mi povas scii pri la agado de kelkaj esperantistoj. En mia urbo Ciego de Avila nur mi agadetas pri Esperanto. Mi multe tradukas por MAS. http://mas-eo.org .Mi invitas vin viziti tiun retpaĝon.
26. MUKUNDA Pathik en Nepalo: Tre kara Guojiang Wu, Mi tre dankas vin pro via mesaĝo. Mi komprenas, ke vi laboras multe por Esperanto movado kaj vi ĉiam sukcesas en via plano.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Magdeburg, antikva kaj moderna urbo

Magdeburg situas en la koro de Germanio kaj la centro de Eŭropo, kaj estas unu el la plej grandaj urboj en Orienta Germanio, kun 230 000 loĝantoj kaj areo de 200 kvadrataj kilometroj. Ĝi ankaŭ estas antikva urbo kun historio de 1200 jaroj.

Longa historio donis al tiu ĉi urbo multajn kromnomojn, ekz. katedrala urbo, hansa urbo, fortikaĵa urbo kaj tiel plu. La restaĵoj, ekz. katedralo de Magdeburg, Monaĥejo de Nia Sinjorino, Verda Fortikaĵo de Magdeburg ktp. kaj modernaj konstruaĵoj, ekz. Herrenkrug-Parko, Sternbrücke ktp. estas tieaj turismaj fontoj. Ĝiaj ĉefaj industrioj konsistas el mekanika inĝenierado kaj planta inĝenierado, ekologia tekniko kaj administrado de vivocirklo, administrado de sano, ligno-prilaborado kaj loĝistiko.

Magdeburg internacie ĝemeliĝis kun Sarajevo en Bosnio-Hercegovino kaj Nashville en Usono krom enlanda Braunschweig, kaj starigis partneran rilaton kun Radom en Pollando, Saporoshje en Ukrainio kaj Harbin en Ĉinio.

En Magdeburg troviĝas delegitoj de UEA kaj Esperanto-sekcio de Asocio de Mondcivitanoj gvidata de s-ro Gerhard HIRSCHMANN. --- el la retejo [http:// www.magdeburg.de](http://www.magdeburg.de)

**Radom, urbo plena de historio**

Radom estas urbo kun loĝantoj de 225 483 (ĝis la 31-a de marto 2007) kaj areo de 11 180 hektaroj, kaj situas en la centro de Pollando. Ĝi distancas sude de Warsawa nur je 100 kilometroj. Oni trovis tieajn aktivecojn de homaro en la frua fera epoko. Nomo de Radom originis de la praa nomo Radomir aŭ la nomo de la tribo Radomierzanie.

Radom estas urbo de ekonomia potencialo kaj altnivela eduko, kaj la dua plej grava industria, kultura kaj eduka centro de Mazovia regiono, kaj centro de akademio. En la lastaj 1980-aj jaroj ĝi estis fama pro produktado de unika aĵo por la polura merkato, sed lastatempe manĝaĵo, metala prilaboro kaj ĝiaj konkretaj produktaj sekcioj estas plejrapide evoluataj en ĉies industrioj. Oni sentos plezuron en vizito al Radom tra karakterizaj turismoj: municipaj eventoj, verdiga Radom, historiaj piedsignoj kaj monumentoj.

Krom Magdeburg Radom havis partnerajn rilatojn kun Vilna Distrikto en Litovio, Daugavpils en Latvio, Homel en Bjelorusio, Tarnopol en Ukrainio, Stara Zagora en Bulgario, Banska Bystrica en Slovakio, Ozery (Moskva Distrikto) en Rusio, Ploiesti en Rumanio, Magdeburg en Germanio, kaj Talevera de la Reina en Spanio.

En Radom ekzistas la 100-jara Esperanto-organizaĵo, t.e. Esperantoklubo de Radom. --- el la retejo [http://www.radom.pl](http://www.radom.pl)

INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Ĝemeliĝo inter la Esperanto Federacio de la regiono Bretonio (Francio)**
**kaj Shandong Esperanto-Asocio (Ĉinio)**

Jam de 1985 la regiono Bretonio estas oficiale ĝemelita kun la provinco Shandong, ankaŭ nia ĉefurbo Rennes estas ĝemelita kun Jinan, la ĉefurbo de Shandong, kaj aliaj urboj de la du regionoj havas rilatojn. Tiuj rilatoj estas precipe ekonomiaj kaj universitataj, kaj jam en 2004 vizitis la Bretonian Universitaton en Rennes prof. LIU Xiaojun, profesoro pri la franca kaj estro de la franca fako en la Shandong Universitato en Jinan, por starigi rilatojn inter la du Universitatoj.

Sed prof. Liu estas ankaŭ profesoro pri Esperanto en sia Universitato kaj Prezidanto de la Esperanto asocio de sia provinco. Tial la Bretona Esperanta Federacio projektis starigi oficialan ĝemeliĝon inter la du federacioj kaj decidis inviti prof. LIU kaj ankaŭ d-ron Wang Yongti, kirurgon, eksprofesoron pri medicino en la Shandong Universitato kaj vicprezidanton de la Shandong-E-asocio. Dum 6 semajnoj prof. LIU prelegis pri Konfuceo tra la regiono Bretonio en dudeko da lokoj, ĉu en la franca, ĉu en Esperanto, ĉiufoje gastigita de loka esperanto asocio. La 30-an de marto prof. Liu kaj d-ro Wang ĉeestis nian ĝeneralan jarkunvenon kaj fine de ilia restado ambaŭ federacioj oficiale celebris la ĝemeliĝon kaj subskribis la Ĉarton en la salonoj de la urbodomo de nia ĉefurbo Rennes, ĉarme akceptitaj de reprezantantino de la urbestraro. La Ĉarto estis verkita en 4 lingvoj: la franca, bretona, ĉina kaj Esperanto. Ĉeestis gravuloj, kiel la estro de la Konfuceo Instituto, la estrino de la Internacia Centro, kiuj entuziasmiĝis pri la efiko de Esperanto por komuniki kun niaj ĉinaj amikoj. Partoprenis ankaŭ 65 esperantistoj el tuta Bretonio kaj eĉ infanoj de lernejo, kie prof. Liu intervenis, akompanataj de la lernejestro kaj de la instruistino.

Okazis intervjuoj en du radioj kaj aperis multnombraj artikoloj en la regionaj kaj lokaj gazetoj pri la prelegoj de rof. LIU kaj pri la ĝemeliĝo. --- S-ino Josette DUCLOYER, vicprezidantino de la Bretona Esperanto Federacio (FEB).

**ĜEMELIĜA ĈARTO**
**Inter La Esperanto Asocio de la Provinco Ŝandong (SDEA)**
**kaj Bretona Esperanto Federacio (FEB)**

La du regionaj asocio-federacioj „Bretona Esperanto Federacio” kaj „Esperanto Asocio de la Provinco Shandong” interkonsentas pri la starigo, inter si kaj siaj membroj, de amikaj rilatoj fonditaj sur egaleco, solidareco kaj reciproka respekto, aparte sur la kampo de la lingvoj.

Tiuj rilatoj ebligos akceli la estigon de harmoniaj interhomaj agoj sur la kampoj de la kulturo, de la socialaj rilatoj kaj de la ekonomio inter Shandong kaj Bretonio.

Tiumotive ili montras sin koheraj kun la „Memorando pri plifortiga kunlaboro inter la provinco Shandong kaj la regiono Bretonio”, subskribita en Jinan la 12an de Majo 2005.

Per la uzo de Esperanto, internacia lingvo, kiu servas pacon, kaj garantias veran egalecon sur iuj kampoj inter siaj parolantoj, ambaŭ federacioj certigas sian volon firmigi, inter si kaj siaj membroj, rektan kaj amikecan komunikadon sen superemo de iu ajn lingvo.

Tiuj rilatoj ankaŭ ebligos akceli la kontaktojn inter esperantistoj de ambaŭ regionoj, plifaciligi iliajn renkontiĝojn okaze de la diversaj internaciaj Esperanto-kongresoj, kolokvoj aŭ laborkunvenoj inter fakaj Esperanto-asocioj, plialtigi ilian lingvo-nivelon, konkrete faciligi la interŝanĝojn, la vojaĝojn kaj la reciprokan malkovron de la kulturoj kaj lingvoj.

Tiu kunlaboro koncernos interalie la kampojn lingvan, kulturan, socialan, ekonomian, sciencan kaj teknikan, edukadan, ekologian, sportan kaj turisman. Ĝi strebos al daŭripova evoluo, kiu respektos la kulturojn, la medion kaj la individuojn. Sur la edukada kampo, la kunlaboro celos edukon pri paco laŭ la historia celo de Esperanto.

La lingva kunagado de la du federacioj ebligos, ke Esperanto, efika ponto-lingvo facile lernebla, servos diversajn kunlaborojn inter Ŝandong kaj Bretonio.
Dank' al la estigo de interhomaj senperaj ligoj superlimaj, ĝi kontribuos ankaŭ al la stimulado de la intereso por fremdaj lingvoj kaj kulturoj en ambaŭ regionoj.

La ĝemeliĝo inter la du federacioj ĝenerale celas faciligi la interkompreniĝon kaj plifortigi la rilatojn inter la provinco Ŝandong kaj la regiono Bretonio.

La nuna ĝemeliĝa ĉarto estas redaktita en Esperanto, en la ĉina, en la franca kaj en la bretona lingvoj, laŭ du originalaj ekzempleroj.

**En Rennes, la 10 an de aprilo 2008,**
**La Prezidanto de la Esperanto-Asocio la provinco Shandong**

**La Prezidanto de la Federacio de Esperanto Bretonio**

## Interesaj tagoj en Lodzo

La urbo Lodzo de Pollando ĝemeliĝis kun la ĉina urbo Tianjin, kie mi loĝas, en la 11-a de oktobro 1994. Okaze de la 60-a IFK ĉijare en Pollando, mi havis ŝancon viziti Lodzon post la kongreso. Ĉe la stacidomo Kaliska de Lodzo s-ro Tadeusz EJSMONT (Tadeo) renkontis min kun sia aŭtomobilo. Ni interkonatiĝis antaŭ kvin jaroj, kiam li vizitis Tianjin. S-ro Tadeo estas veterana esperantisto kaj doktoro pri lingvistiko. Li kondukis min rekte al lia hejmo, kiu troviĝas en la antaŭurba vilaĝo Moldica. Lia vilao, situanta inter arboj kaj diversspecaj floroj, estas tre bela kaj kvieta. Lia edzino Halina estas eminenta esperantistino. Ni intime interparolis pri la Esperanto-movado en du urboj kaj du landoj, vivo de dulandaj popoloj ktp ĝis la profunda nokto.

En la sekvanta tago s-ro Tadeo veturigis min al la Esperanto-klubo de Lodzo por renkontiĝi kun lodzaj esperantistoj. Ni kunsidis pri la intimaj rilatoj inter niaj du ĝemelaj urboj kaj estonta plano de la kunlaboro kaj interfluo inter ambaŭ niaj Esperanto-Asocioj. Mi elmetis tri proponojn: 1. Ni devas interŝanĝi gazetojn kaj informojn pri la Esperanto-movado. 2. Ni devas daŭrigi fari senvalutan reciprokan viziton inter Tianjin kaj Lodzo per maniero "Reciproka akcepto". 3. Ni devas fari kunlaboron inter ni ambaŭ ne nur en la Esperanto-movado, sed ankaŭ en la aliaj flankoj, ekz. turismo, eduko, scienc-tekniko, komerco ktp. por subteni nian Esperanto-movadon. Lodzaj esperantistoj konsentis kun mi kaj serioze diskutos realigi la kunlaboran planon. Poste ni interŝanĝis la donacojn.

Gvide de Zosia, Ela kaj Jan mi vizitis kelkajn vidindaĵojn kaj zeo-jn en Lodzo, ili estas Placo de Libereco, Urbodomo kun klasikisma formo el 1827, Piotrkowska Strato kun eklektismaj kaj secesiaj brikdomoj, Preĝejo Cerkiew Aleksandra Newskiego, Zamenhofa Strato, Zamenhofa Tabulo, Zamenhofa Apoteko, Murpentraĵo kun Zamenhof (en Piotrkowska Strato) ktp. Ankaŭ la komerca centro Manufabriczna interesis min. La urbo Lodzo donis al mi la fortan impreson per siaj antikveco kaj modernigo.

Por pli detale koni pri la vera vivo de la simplaj poloj, s-ro Tadeo gvidis min viziti la familiojn de liaj fratinoj. Ili vivas per pensioj kiel pensiuloj: ili loĝas en la iom grandaj apartamentoj. La loĝejo de la ĉirkaŭ 90 kvadrataj metroj estas sufiĉa por geedzoj. La manĝaĵoj abundas. Iliaj infanoj lernas en la infanĝardeno, elementa lernejo kaj mezlernejo tute senpage. Ili sufiĉas pagi por loĝado, manĝado kaj ĉiutagaj bezonaĵoj, kvankam la elspezoj estas iom altaj. Ili vivas feliĉe kaj maltrankvile en la bona naturmedio. Krome, ili havas tempon kaj kondiĉojn vojaĝi al aliaj vidindaĵoj por havi la feriajn tagojn. — HAN Zuwu

**[Redaktoro]** En n-ro 1 (24) Informilo de Ĝemelaj Urboj mi aperigis artikolon de s-ro Pje Buvje el Limoĝo en Francio pri vojaĝo al la ĝemelaj urboj Fürth (Germanio) kaj Pilseno (Ĉeĥio). Min atingis alia artikolo (sube) el Sylvie AUBERT pri la sama sperto. Sylvie AUBERT estas lernantino. Kiel ŝi en sia mesaĝo diris, ke tiu vojaĝo estis ŝia unua kontakto kun alilanda Esperanto-grupo. Mi kore dankas ŝin pro lia kontribuaĵo kaj esperas, ke plimultaj junaj samideanoj aliĝu al la Esperanto-movado kaj al la projekto Ĝemelaj Urboj, kaj bonvenigu vin sendi al mi verkaĵojn pri sperto en ĝemelaj urboj.

## Vojaĝo al Pilsen kaj Fürth

Komence de novembro 2007 mi partoprenis vojaĝon al Pilseno en Ĉeĥio kaj Fürth en Germanio organizitan de Asocio pri Rilato Internacia de limoĝo kun Pierre BOUVIER kaj Dominique FANTOU, anoj de la asocio Esperanto-Limousin. Plzen kaj Fürth estas ĝemelaj urboj de Limoĝo. Nia grupo estas la unuaj limoĝaj civitanoj kiuj eniris tien. Antaŭ longe mi deziris iri al Ĉehio kaj renkonti tieajn loĝantojn. Fakte mi lernis Esperanton pro tio.

Kiam ni alvenis al Pilzeno, ni renkontis anojn de la pilsena grupo kiuj atendis nin. Ni trarigardis la urbon kun ili, ili klarigis la urban historion. Nia limoĝa grupo estis gastigita de la urbestro kaj en la urbodomo ni kantis la Himnon de Ĝojo en Esperanto.

Sekvantan tagon, en Prago, ni renkontis Jirka, la viceprezidanto de la Ĉeha Esperanta Asocio, kun kiu ni trapasis la posttagmezon. Li diris multe al ni pri la praga urbo kaj historio. Mi ne tute komprenis sed mi multe

lernis. Li atentemis kiam mi provis paroli Esperante.

En Pilseno ni denove renkontis la grupon, la prezidanto ĉeestis. Ili donacis al ni broŝurojn, poŝtkartojn kaj esperantajn insignojn. Mi neniam havis insignon. La prezidanto diris, ke de tiam mi estas esperantistino. La tuta grupo salutis nin kiam ni forveturis.

En Fürth, ni trarigardis la urbon kun esperanta paro. Li estas germana kaj sia edzino estas japana. Bedaŭrinde, ne estas aliaj anoj de la furta grupo kvankam ili povas renkonti la nurembergan grupon.

Mi eklernis Esperanton antaŭ du jaroj. Danke al tiu tre interesa vojaĝo mi renkontis tre afablajn personojn kaj povas hodiaŭ tiun tekston skribi. Mi nun korespondas kun pilsena esperantistino. --- Sylvie AUBERT <sylvex@club-internet.fr>, Anino de Esperanto-Limousin en Francio.

**Mia vizito en Stuttgart**

**Lundo, tago kvara**

Fine, kiam la solena tago jam estis forpasinta, atendis min ankoraŭ unu plia tago en Stuttgart, ĉar mia aŭtobuso foriris de tiu urbo nur vespere je la 20-a horo. Tiun tagon mi utiligis por ankoraŭfoja kaj preciza trarigardo de la urbocentro kaj iom da ripozo promenante tra ties stratoj, spektante la ĉiutagan vivon de tipa sudgermania urbo. Fine de mia vizito mi ankoraŭ en vendejo ĉe la Königstraße aĉetis du malmultekostajn lumdiskojn kun bela germana kristnaska muziko, kiu jam post kelkaj semajnoj dum Kristnasko sukcesis bele etosigi la hejmon de nia familio kaj rememorigi al mi tiel pri la neforgesebla etoso de mia semajnfina vizito en Germanio, dum kiu mi konatiĝis kun multaj novaj afablaj homoj kaj havis la eblecon ekkoni la ĝemelurbon de la urbo, kie mi nun vivas kaj studas. (fino) --- Marek BLAHUŠ <esperanto.web@blahus.cz>

SERVA PLATFORMO

**Burundio**

Estus pli bone se ni komune starigi kelkajn ĝemelurbojn pere de Esperanto. Tio ne nun efike helpas al disvastigo de Esperanto, sed ankaŭ forte montras valoron de Esperanto en la moderna mondo. Nia komunumo Rumonge deziras ĝemeliĝi kun iu eksterlanda urbo. Hassano NTAHONSIGAYE <ntahonsigayea@yahoo.fr>

**Rusio**

Mi laboras kiel instruistino en la socio-pedagogia akademio de nia urbo kaj ankaŭ ni (mi kaj unu virino, kiu same kiel mi instruas ankaŭ anglan lingvon) instruas Esperanton. Kelkaj studentinoj jam bone posedas Esperanton. Komence de aprilo ni aranĝis ekspozicion pri esperanto en nia akademia muzeo. Tie ni havis bildkartojn, leterojn el diversaj landoj, insignojn, librojn kaj fotojn de elstaraj esperantistoj, ankaŭ flagon kaj la portreton de Zamenhof. En nian urbon venas kaj laboras homoj el Ĉinio. Tamen mi ne scias ĉu estas inter ili esperantistoj. Mi volus kontakti kun kelkaj homoj el Ĉinio kiuj veturas al nia urbo por organizi ĝemelajn kontaktojn. Mi volonte respondos al leteroj aŭ invitos la esperantistojn gaste, se ili estos en nia urbo. Mia hejmadreso: Larisa KUZMENKO, str Kushvinskaja 25"A", 622013- N. Tagil, Sverdlovskaja reg., Rusio. klarisa8@yandex.ru

*************************************************************************************

Redaktoro: WU Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
CN-113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn